# POSTRIKOLTO



SUPLEMENTO AL PARNASO

"EL PARNASO DE POPOLOJ"

DE

## ANTONI GRABOWSKI

1921

MADRID. = SAN LUCAS, 5

WARSZAWA. = HOZA, 42 M. 8

# POSTRIKOLTO

SUPLEMENTO AL PARNASO

"EL PARNASO DE POPOLOJ"

DE

ANTONI GRABOWSKI

1921

MADRID. = SAN LUCAS, 5

WARSZAWA. = HOZA, 42 M. 8

# LA LANDO DE L' ESPERO

(Kongresa Kanto)

---

Refoje en solena hor',
Feliĉa viv-momento,
Amike batas kor' ĉe kor'.
De gento apud gento.
Kolektis ree "nova sent'
En familia rondo"
El orient' ĝis okcident'
Stelanojn el tutmondo.

Do super Alpa Virgulin',
En neĝa kron' radia,
Animoj, koroj levas sin
For, for de tero nia!
Atingas ni per sent-flugil'
La ĉielarkan ponton;
El kor-altaĵoj fratoj mil
Rigardas la estonton....

Jen etendiĝas antaŭ ni,
En subĉiela sfero,
Revita nia Arkadi'
Kaj promesita tero.
Ne ĉiuj ni eniros vin,
Patruj' de bono, vero,
Sed ni hodiaŭ vidas ĝin,
La landon de l' Espero.

I

# LA VIZIO DE BALTAZAR

[El Lord Byron]

The king was on his throne,
The satraps throng'd the hall.

La reĝo-sur la trono,
Satrapoj, plena hal';
Mil lampoj lumis brile
Ĉe l' granda fest-regal'.
Mil or-pokaloj, sanktaj
Ĉe Judoj, laŭ difin':
Jehovaj vazoj, ŝaŭmis
Per Idolana vin'.

En sama hor' kaj halo,
De mano fingroj kvin,
Al mur' veninte, kvazaŭ
Sablaĵon, signis ĝin.
Kun fingroj sola mano,
Sur muro kontraŭ tron',
Literojn longen sekvis
Kiele sorĉ-baston',

Ĝin vidis la monarĥo,
Kaj haltis en diboĉ';
Sensange li aspektis
Kaj tremis lia voĉ':
"La scienculoj venu,

Plej saĝaj sub la sun',
Klarigu vortojn, kiuj
Nin malĝojigas nun!"

Ĥalde'-profetoj, kleraj,
Rigardis signojn nur;
Nedivenitaj restis
Literoj de l' terur'.
Kaj Babel-viroj, aĝaj,
Profundaj en la sci',
Nun estis ne pli saĝaj
Kaj ne divenis pli.

Kaptito en la lando,
Fremdulo kaj junul',
Aŭskultis reĝ-ordonon
Kaj legis laŭ regul'.
La lampoj lumis hele
Anoncon de l' destin';
Li legis nokte veron,
Morgaŭo pruvis ĝin:

"Baltazar-tombo pretas,
La regno pasis for,
Li, sur pesil', nur polvo
Malpeza, sen valor'.
Mort-tuko—lia vesto,
Kaj lia seĝo—ŝton';
La Medo ĉe l'pordego!
La Perso sur la tron'!"

## II

## ADIAŬ AL LA MONTARO

[El Robert Burns]

My heart's in the Highlands,
My heart is not here.

Mia kor' as en montaro,
Mia kor'---ne tie-ĉi,
Mia koro---en montaro,
Kie cervon ĉasas ĝi,
Ĉasas la sovaĝan cervon,
Grimpas post kapreolin';
Mia kor' as en montaro,
Kie ajn mi portas ĝin.

Ĝis revido! al montaro
Kaj al norda hejma lim',
La patruj' de kuraĝeco
Kaj indeco de l' anim'.
Kie ajn mi vage migras,
Kie ajn troviĝas mi,
Mian karan montetaron
Mi ekamas ĉiam pli.

Ĝis revido montaj pintoj
Kun eterna neĝ-vual',
Ĝis revido, rok-vojetoj
Kaj, malsupre, verda val',
Ĝis revido, al arbaroj

Kaj pendanta arbustar',
Ĝis revido, al torentoj
Kaj la brua fal-akvar'.

Mia kor' as en montaro,
Mia kor' ne tie-ĉi,
Mia koro---en montaro,
Kie cervon ĉasas ĝi,
Ĉasas la sovaĝan cervon,
Grimpas post kapreolin',
Mia kor' as en montaro,
Kie ajn mi portas ĝin.

---

III

## KANTO DE L' MARISTO

Our home is the ocean,
Our grave is the deep.

La hejm'---oceano,
Profundo--tombar';
Ne timas ŝipano
Ekdormi sur mar'.
Ondeto---kuseno,
Kaj maro---lulil',
Ondego---alveno---
Ĝojkri' ĉe remil'.

Nia hejm'---oceano,
Glorata de ni;

Luktante, ŝipano
Ĝin amas des pli.
Nin logas pro tio
Batalo, ventar',
Ke restu Anglio
Estrino de l' mar'.

---

IV

## HO, MI IROS TRA L' HERBARO

(Blankrutena popolkanto)

---

Oj pajdu ja *l*uham, *l*uham
Hdzie moj mi*l*y hare p*l*uham

Ho, mi iros tra l' herbaro,
Kie plugas mia karo.
Ho, mi iros tra l' herbaro
Per la bovoj li laboras,
Mi la larmojn ploras, ploras
Per la bovoj li laboras.
Kun la manĝo mi aliros;
Ĉu "eksidu" li ne diros?
Kun la manĝo mi aliros.
La trinkaĵon mi alportos;
Ĉu nenion li ekvortos?
La trinkaĵon mi alportos.
Kaj li manĝis, trinkis plene,
Sidis sur plugil' ĉagrene.
Kaj li manĝis, trinkis plene.

Kial vi medite sidas?
Ĉu vi min, karul', ne vidas?
Kial vi medite sidas?
"Sidas mi kun penso tia:
Edzinet' ne taŭgas mia.
Sidas mi kun penso tia."
Helatage vi min prenis!
Kie vi okulojn tenis?
Helatage vi min prenis!

---

V

## AGLO KAJ PASERO

BOHEMA FABLO POLITIKA
(El K. Havliĉek)

Ve Ŝvycarich, vdemokrats kém kraji,
Kde si na republikány kraji.

En Svisuj', demokratan havanta popolon,
Kie respublikanoj ludas sian rolon,
Apud aglo sidiĝis kuraĝa pasero,
Kaj ĉirpis pri egalo de ĉiuj sur tero...
Aglo glutis paseron, por instrui fatala,
Ke pasero al aglo ne estas egala.

---

VI

## STANCOJ AL LA MARKIZINO

(El Pierre Corneille)

Se, markizino, laŭ vizaĝo
Aspektas maljunete mi,

Memoru ke, en mia aĝo,
Vi ankaŭ ne valoros pli.

La tempo el plej belaj floroj
Deprenas ĉarmon en aŭtun',
Do velkos viaj roz-koloroj,
Kaj mia frunt' sulkiĝas nun.

La samaj planed-kuroj restas
Regul' por nia vivokur':
Mi estis, kia nun vi estas,
Vi min similos, poste nur.

Sed mia ĉarmo la konstanta,
Ne vekas timon, sinjorin',
Ke tempo, ĉion detruanta,
Difektos tiel same ĝin.

Vi ĝin rigardas malestime,
Kaj tamen tiu ĉi valor',
Ĝi daŭri povos plu, senlime,
Dum viaj ĉarmoj pasos for.

Ĝi eble gloron savi povos
De via dolĉa okulpar';
Laŭ mia plaĉo oni trovos
Vin admirinda post miljar'.

Kaj ĉar al mi volonte kredos
La nova ter-generaci',
La nomon "bela" vi posedos
Ĉar tiel opiniis mi.

Pripensu do, estrino brila
Se vin timigas har-grizec',
Ke indas esti tre ĝentila
Al proksimul' de mia spec'.

VII

## LA ARTO

(El Théophile Gautier)

---

Oui, l'oeuvre sort plus belle
D'une forme au travail.

Jes, aperas verk' pli bela
Se rezistas dum labor'
Form' ribela:
Vers', emajl', oniks', marmor'.

Muzo! falsa bar' forestu,
Sed, por paŝi sen deklin',
Piedvestu
Per kotorn' malvasta vin.

Ritmon oportunan fiu!
Grandan ŝuon, laŭ dezir',
Piedo ĉiu
Prenas, lasas for, sen tir'.

Statuist', vi meti devas
For argilon, sen hezit',
Kiam levas
Vin al suproj la spirit'.

Luktu kun marmor' karara,
Kun parosa daŭra spec',
Senkompara
Estos de l' kontur' purec'.

Prenu vi el Sirakuzo
Bronzon, kie kun prefer'
Stampas Muzo
Ĉarman trajton de fier'.

Tuŝu mano delikata
Mineralon per ĉizil'
En agata
Formo de Apoll' - profil'.

Pentru, sed ne akvarele,
Kaj kolorojn, por rezist',
Fiksu bele
En la formo emajlist'.

Ĉe l' sireno bluestria
Tordu sin laŭ centfason'
Vosto ŝia,
Tiu monstro de blazon'.

Brilu en la nimb' etera
Virgulin' kaj Jezuet';
Globo tera
Portu krucon en portret'.

Ĉio pasas. — Arto forta,
Ĝi eterne daŭros plu;
Bust' senmorta
Vivos eĉ post urb-detru'.

La medalo, kiun trovas
La plugist' en ter-bular',
Montri povas
La vizaĝon de Cezar'.

Dioj mem mortemaj estas,
Sed de versoj harmoni'
Ĉiam restas
Kaj transdaŭros bronzon ĝi.

Skulptu, fajlu kaj cizelu,
Ke la vero de l' epok'
Sin sigelu
En la rezistanta blok'.

---

VIII

## LA DISIGITOJ

(El Marcelino Desbordes -- Valmore)

---

N' écris pas! Je suis triste, et je voudrais m' éteindre,
Les beaux étés, sans toit, c'est l' amour sans flambeau.

Ne skribu! Mi malĝojas kaj volus min estingi:
La belsomero estas, sen vi, amad' sen flamo.
Mi fermis brakojn, kiuj ne povas vin atingi;
Kaj frapi mian koron, aŭ tombon, estas samo.
Ne skribu!

Ne skribu! Tutforgesu ni unu pri alia;
Demandu vin kaj Dion pri mia kor-sopiro.
Ke vi min amas, aŭdi tra silentado via
Ĉiel-aŭskulto estas, neniam ĉiel-iro.
Ne skribu!

Ne skribu! Mi vin timas, mi timas la memoron
De via klara voĉo, min ofte alvokanta;
Al nepovanto trinki ne montru viv-likvoron;
Skribaĵo kara estas portreto plenvivanta.
Ne skribu!

Ne skribu! Du vortetojn mi legi ne kuraĝas:
Kaj ŝajne voĉo ilin al mia kor' murmuras,
Kaj tra rideto via, brilante ili naĝas
Kaj ŝajne kiso ilin sur mia kor' gravuras
Ne skribu

---

IX

## LA ALPA ĈASISTO

(El Friedrich Schiller)

---

Mit dem Pfeil, dem Bogen
Durch Gebirg und Tal.

Montoj freŝe spiras
En tagiĝa bril',
La pafisto iras
Kun saguj', pafil'.
Trala, la...

Kiel en aero
Reĝas la vultur',
Tra l' montara sfero
La pafisto nur.
Trala, la...

Vaston tra mezuras
Celatinga tir';
Tie flugas, kuras
Lia ĉas – akir'.
Trala, la...

X

# FESTENO EN LA KAMPO

Debajo de aquel árbol
De ramas bulliciosas.

Sub la branĉoj de la arbo,
Kies foliaron movas
Milda spiro de l' zefiro,
Kiu bonodore blovas,
Kie najtingalo kanta
Kun dolĉegaj triloj sidas,
Kie fonto murmuranta
Kvazaŭ plendas, kvazaŭ ridas
Super freŝaj rozoj metu
Nian tablon amatino,
Metu la pokalon plenan
Plenan da bongusta vino;
Kaj ni gaje, por la sano
Trinkos en soif' ebria,
Sen ĉagrenoj, zorgoj, penoj,
Sen afliktoj, timo ia.
Dume, en kastelo sia,
Manĝas iu grand - sinjoro,
De flatistoj ĉirkaŭite,
Kun mil zorgoj en la koro.

XI

## JUDIT

(El Lope de Vega)

Cuelga sangriento de la cama al suelo
El hombro diestro del feroz tirano.

Pendas de l' lito ĝis planko-nivelo
La sangâ dekstra brako de l'tirano,
Kiu Betuljon sieĝis je vano
Kaj al si tiris fulmojn el ĉielo
Time volvita ruĝa tendo-velo
Malkovras apud la maldekstra mano,
Terur' - aspekton de morta tetano:
Trunkon rigidan, kiel glaci - ŝelo.
Fortan armilon ŝpruc-makulis vino;
La vazoj kuŝas ĉe tabl' renversita;
Gardistoj dormas, kontraŭ disciplino;
Kaj sur remparo, staras, ĉirkaŭita
de sia gento, la ĉasta Judino
Kaj per la kapo ŝi brilas armita.

XII

## LA TOMBOMONUMENTO DE FILIPO II

(El Cervantes)

Vive Dios, que me espanta esta grandeza
Y que diera un doblón por describilla.

Diovere, timigas min tiu grandeco,
Kaj, por ĝia priskribo, mi donus dublonon

Ĉar kiun ne mirigas faranta imponon
La belega konstruo kaj tiu brileco.
Pro Jezu-Kristo viva, vere, ĉiu peco
Estas tie valora pli ol milionon.
Domaĝe nur ke l' tempo detruos fasonon!
Granda Seviljo! Romo, laŭ spirit', riĉeco!
Animo de l' mortinto, mi vetas aserte,
Por ĝui la vidaĵon hodiaŭ sur tero,
Forlasis la ĝuatan eterne ĉielon!
Fanfaronul', aŭdinte tion, diris: "Certe,
Via moŝto, soldato, tio estas vero,
Kaj kiu kontraŭdiras, mensogas tielon."
Kaj senprokraste li ŝovis ĉapelon
Profunde sur la frunton, la spadon ektiris
Kaj, strabe rigardante, foriĝis, foriris.

---

XIII

## LA ROZO
(El Torquato - Tasso)

Di sè stessa invaghita e del suo bello
Si specchiava la rosa.

De si ravite kaj de belo sia,
Spegulis sin la rozo centfolia
En klara rapida torento,
Kiam impeta ekblovo de vento
Senfoliigis la belan rozeton.
Folioj falis en la rivereton,
La rivereto, forfluante,
Kunportis ilin rapidante.
Kaj tiel, ho ĉielo
Rapidege pasas belo.

XIV

# MIA PATRINO

(El Edmondo De Amicis)

Non sempre il tempo la beltá cancella,
O la sfioran le lacrime e gli affani.

Ne ĉiam rabas belon la tempo kruela
aŭ ĝin ĉagrenoj, larmoj, velkigas en fino;
Jam sesdek jarojn havas mia kar-patrino
Kaj kiam mi rigardas, ŝi ŝajnas pli bela
Per ĉiu vort' rigardo, gesto aŭ rideto
Ŝi tiel dolĉe tuŝas mian koro-senton;
Ho! se mi de pentristo posedus talenton,
Dum tutvivo mi pentrus nur ŝin sur portreto:
Kiam ŝi faras klinon de vizaĝo sia
Ke mi kisu harlígon ŝian, blank-arĝentan,
Aŭ kiam ŝi, malsana haj laca, silentan
Sian doloron kaŝas sub ridet' radia.
Tamen, se min aŭskultus ĉiela Sinjoro,
Mi ne petus penikon dian, Raffaelan,
Por kroni dian kapon, la mirinde belan,
Per la brilanta nimbo de l' eterna gloro.
Mi volus mian vivon ŝanĝi je alia
Doni al ŝi viglecon de miaj jun-jaroj,
Vidi mîn maljunulo, kun la grizaj haroj,
Kaj ŝin rejunigita per ofero mia.

---

XV

## TAGMEZA KVIETO

(El Antonio Fogazzaro)

Assona il cielo bianco
Il vento stanco.

Sub blanka firmamento
Sopiras laca vento
Kaj svenas en silent'.
Silentas bosk', herbaro,
Kaj inter koloraro
La lago el argent'.
Sur la dormant-ebeno
Trankvila Alp-tereno
Nur viglas en moment'.
Apenaŭ tra l' kvieto,
Aŭdiĝas tintileto
De iu bruto, for.
Kaj en ripoz' mistera
Mi pensas pri sincera,
Pri mi pensanta, kor'.

XVI

## KURAĜON KAJ ESPERON!

(El Niccolo Tommaseo)

E buja la valle ma, i pini del monte
Giá l' alba incorona del vergine raggio.

Mallumas la valo, sed pinojn de l' monto
Jam kronas aŭroro. Ni levu vizaĝon,

Forskuu la dormon por tago-renkonto.
Frataro, kuraĝon!

Post luna la nokto, post dormo ĉagrena,
La suno aperas por nova penaro.
Ol mort' pli malbonas ripozo hontplena.
Kuraĝon, frataro!

La vivon fortuloj batale trairas;
Sur vojo dezerta ni faras vojaĝon.
El vicoj armitaj nin morto deŝiras.
Esperon, kuraĝon!

Ni en malamikoj la fratojn rekonu,
Gardante en koroj ĉielan la veron;
Armite per amo, ni venke pardonu,
Frataro, esperon!

---

XVII

LA MALRIĈA KUDRISTO

(El Moric Rozenfeld)

---

Jaĥ bet aĥ, vi lang vet noĥ jugen
Der ŝvaĥer dem blitigen rued.

Kiel longe ankoraŭ li movos,
Malfortulo la sanigan radeton?
Lian finon ĉu diri vi povos?
Kiu konas teruran sekreton?
Ne demandu ni vane pri l' horo;
Oni estas nur certe konscia:
Kiam tiun mortigos laboro,
Tuj sidiĝos kaj kudros alia.

---

XVIII

## EN VINTRO

(El A. Rajzen)

Zat di ferd, dus ŝliten naj
In der veg iz brajt in fraj"

Sata estas ĉevaleto
Nova glitveturileto,
Vojo larĝa kaj libera,
Kaj la tempo belvetera.
Do, veturigisto, pele!
Vi demandas: Kien-cele?
Mi sen celo ekveturas.....
Vintra tag' rapide kuras;
Ĝis mi scios kien celi,
Neĝo povas fordegeli.

---

XIX

## LA FIANĈINO

(Malta popolkanto)

Xebba sbeiha minn dar omma,
Hierga mseiha mil limhabba.

Belulin' de l' patrineto
For, laŭ ama voko, iras,
Kiel, rozo, de l' arbeto
La pasanto vin deŝiras.
Kie ŝi aperas voje,
Ĉiuj ŝin admiras ĝoje.

---

## XX

### BIRDETOJ EN KAĜO
(El Ignaci Krasicki)

Czemu płaczesz? staremu mówił czyzyk młody;
Masz teraz lepsze w klatce, niz w polu wygody.

"Ne ploru, patro!"—diris fringeleto juna
"La kaĝo, pli ol kampoj estas oportuna."
"Vi naskiĝis en kaĝo"—rediris fringelo—
"Mi estinte libera, ploras en la ĉelo."

---

## XXI

### TESTUDO KAJ MUSO
(El Ignaci Krasicki)

Ze zamknięty w skorupie, niewygodnie siedział,
Załowała mysz zółwia; ten jej odpowiedział.

Ĉar, fermite en krusto, ĝi moviĝis pene,
Kompatis mus' testudon; kiu diris jene:
"Vi havu la palacojn, mi dometon tian,
Ne komfortan, malvastan sed la propran mian.

---

## XXII

### LA POLUJO NE PEREIS
(Nacia himno)

Jeszcze Polska nie zginęła
Póki my zyjemy.

La Polujo ne pereis,
Dum ni vive spiros,

Kion fremda forto prenis,
Ni per fort' akiros.
    Marŝu, marŝ', Dombrovski,
    El itala lando;
    Al patruj' nin gvidos
    Via ĉefkomando.
Iros ni trans Visto, Varto,
Estos pollandanoj;
Kiel venki, Bonaparto
Montris al kompanoj.
    Marŝu, marŝ', Dombrovski,
    El itala lando;
    Al patruj' nin gvidos
    Via ĉefkomando.
Kiel ĉef' Ĉarnjecki granda
Kontraŭ la svedaro,
Tiel ni, por savo landa,
Ĵetos nin trans maro.
    Marŝu, marŝ', Dombrovski,
    El itala lando;
    Al patruj' nin gvidos
    Via ĉefkomando.
Patro al filino sia
Ĝoj-plorante diras:
"Aŭdu, bravularo nia,
Kun tambur' marŝ-iras."
    Marŝu, marŝ', Dombrovski,
    El itala lando;
    Al patruj' nin gvidos
    Via ĉefkomando.

FINO

## MEMORAĴO

La morto de mia kara Grabovvski terure batis min. De unu jaro proksimume, mi interrilatiĝis kun li, kaj de la unua momento fluado de sincera simpatio estis de unu al la alia: la simpatio fariĝis estimo; la estimo fariĝis frateca amo, kiun mi sentis samtempe kun grandega admiro al genia kaj grandanima poeto. Li, elmontrante al mi sian doloron, per letero akompanata de tri tradukoj de hispanaj versaĵoj, bedaŭris ne povi eldoni sian "Postrikolton", kaj tiam mi proponis al li eldoni ĝin se li konsentus, ke el 1000 specimenoj estus duono por li kaj duono por "Hispana Esperantisto", por ke la gazeto ilin disdonu senpage al siaj subtenantoj. Li akceptis kaj sendis al mi la originalon, kaj eĉ la tekston por la koverto: jen kial aperas ĉi tiu verko.

Mia plumo ne scias transdoni al papero miajn sentojn pro lia morto; mi sentis en mia koro, je la momento ricevi la sciigon, kiel se oni eltranĉus el ĝi pecon, kaj la vundo neniam cikatriĝos.

Julio Mangada Rosenörn.

JACA

Se vi volus ricevi gazeton kun tre interesa teksto kaj belaj ilustraĵoj pri rimarkindaj artaj kaj naturaj belaĵoj, kaj samtempe ricevi librojn de tempo al tempo, preskaŭ senpage, abonu "Hispana Esperantisto" Adreso: J. Mangada Rosenörn. —**JACA** (Provinco Huesca) — España. Jarabono: SES pesetoj por fremdlandanoj; KVAR por samlandanoj.

Grupoj riĉigos siajn bibliotekojn aĉetante la kolektojn de la jaroj 1917-18-19-20-21, kiuj formos du volumojn kun multenombraj ilustraĵoj pri la rimarkidaj arĥitekturaĵoj de **Sevilla, Burgos, Avila**, k. c. La kvin kolektoj kostas tridek pesetojn (kvin dolarojn, dudekkvin ŝilingojn, sesdek frankojn).

Pro deziro favori Esperantistojn de Orienta kaj Centra Eŭropo, ĉi tiuj povos aboni la gazeton sendonte al S-ro. F. Ŝilha, strato U. Karlova 460.-Praha — Ĉeĥoslovakio - 45 kronojn ĉeĥoslovakajn.

BROŜUROJ DONACOTAJ AL ABONANTOJ:

**Ŝipopereo kaj la Iluzio kaj La Tempo** (Poemoj-16 paĝa), de S-ro Rafael de San Millán; **Ferdinando VI.ª kaj Farinelli**, de Julio Mangada Rosenorn; **Postrikolto,** suplemento al Parnaso de Popoloj, de Antoni Grabovvski, kaj sekvos aliaj tre interesaj.

Prezoj por ne abonantoj: unu kaj du respondkuponojn respektive.